6

**25ª Jaro - Nº 4 (265)** **Jara Kotiz-Abono Fr 35,—** **Aprilo 1939ª**

# BELGA ★ ESPERANTISTO

Monata Revuo fondita en 1908ª

DIREKTORO :
**Maur. JAUMOTTE**
44, Avenuo De Bruyn
WILRYCK - ANTVERPENO

**Oficiala Organo de**



**Reĝa Belga Ligo Esperantista**

**Societo sen profita celo - Belga Ŝtatgazeto 27 6 30**

### PASK-ATMOSFERO

## La Disciploj reprenu la Taskon de la Majstro

Pasko-mateno kaj ni sidas ĉe nia skribotablo por verki la ĉiumonatan prediketon al nia legantaro.

Malantaŭ ni, la radio-aparato, duonlaŭte, disaŭdigas aliajn prediketojn, tiujn de katolikaj kaj protestantaj pastroj, kiuj, en diversaj radio-stacioj, alvokas la aŭdantaron, kaj ankaŭ muzikon, kiu en ĉiu stacio, memorigas pri la granda kristana festo, tiu de la morto kaj de la realviviĝo de Kristo.

Ĉiuj niaj legantoj, laŭ sia propra kredo, laŭ sia propra menso, estos ekaŭdintaj kaj pripensintaj tiujn vortojn kaj ĝuintaj tiun muzikon.

Ĉiuj ankaŭ estos aŭdintaj la sonori'ojn de la preĝejoj, kiuj pli laŭte, — ŝajnas al ni, — ol kutime alvokas la kredantaron.

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

Kaj ni sidas antaŭ nia skribmaŝino por verki la ĉiumonatan... esperanto-prediketon !

Kaj vole nevole niaj pensoj iras al nia movado, al niaj kunbatalantoj en la mondo, kiuj estas, nunmomente, batataj per la diversaj gravegaj politikaj okazantaĵoj.

Niaj pensoj iras ankaŭ al nia Majstro, kies Morton ni repripensos post kelkaj tagoj.

Ankaŭ li mortis en komenco de simila printempo, sed dum kiu la milito, ne kiel nun ŝajnis ekkomenciĝonta, sed jam daŭris longajn monatojn, jarojn.

Li mortis kun la dubo en l' okuloj, ĉu la disciploj baldaŭ povos rekuniĝi por daŭrigi la laboron, kiun li devas forlasi, dum ĝi aspektis pli malproksima de la sukceso ol iam.

Li mortis dum li ne sciis, ĉu la ofero de lia laboro, de liaj fortoj, de lia vivo, alportos al la mondo tiun interkomprenilon, kiun lia genio preparis por ĝi.

... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

La disciploj rekuniĝis, kiam la turmento ĉesis. Pli vigla ol iam antaŭe restariĝis la movado. Kaj oni povis esperi, ke la mondo komprenos ; ke la homo baldaŭ akceptos tiun interkomprenilon kaj kun dankemo repripensos la kreinton de ĝi.

Sed denove la nuboj amasiĝis. Denove militdanĝero ekmontriĝas ĉe l' horizonto.

Jam parto de la disciplaro estis devige elvicigita ; ne plu povas labori kaj nia movado, en diversaj regionoj, estas ĉesigata.

La tuta movado en la mondo estis tiel elekvilibrigata. La internaciaj instancoj suferas pro tiuj daŭraj kaj senĉesaj perturboj.

Kaj en la landoj, kie Esperanto povas daŭrigi sian regulan evoluon ; kie propagando estas ankoraŭ permesata aŭ eĉ apogata de la oficialaj instancoj sub diversaj formoj, dubo ekestas ĉe la Esperantistoj, ĉu ilia laboro, ilia klopodado ne estos vana ; ĉu iam la internacia movado plene restariĝos post la diversaj batoj, kiujn ĝi ricevis.

Kaj tiun dubon, ni volas kontraŭdiri. Ni volas konvinki niajn legantojn, ĉiujn niajn amikojn en la lando do, ke la diversaj perdoj, kiujn okazigis en nia rango la kontraŭemo de unu reĝimo, kiu j havas povon sur multaj dekmiloj da enloĝantoj povas ja malfruigi la finan sukceson ; povas ja esti baro, kiun ni prefere ne estus renkontintaj, sed kiu neniam povos haltigi la antaŭeniradon de ideo de frata interkompreniĝo, kiel la nia.

Kontraŭe ol al dubo, tiu fakto devas nin konduki al pli streĉa penado, al pli vigla laborado, al pli akurata kaj daŭra propagando por nia lingvo, por nia idealo.

Kaj kiam, post kelkaj tagoj do, ni memorigos la morton de nia Majstro, ni jam pensu pri la festo de Pentekosto, kiu, ankaŭ sur la Esperanto-kampo estas nia festo ; la festo kiu devas nin kunigi kiel ĉiujare, por revigligi en ni la fortojn, kiujn ni bezonas, por la laboro dum la monatoj, kiuj venos.

Pentekosto, la festo dum kiu la disciploj kuniĝas antaŭ la granda disiĝo, kiu devas nin konduki ĉiujn en aliajn rondojn, en aliajn urbojn, en aliajn regionojn, sed ĉie kun la sama penso, kun la sama celo : ĉiam kaj ĉie dissemi, dissemadi la bonan grenon, la bonan novaĵon, la eblecon pri interkompreniĝo de la diversaj popoloj.

Interkompreniĝo, kiu devas nepre konduki al pli da fratiĝo inter la homoj kaj da agordo inter la popoloj.

Pentekosto... Nur kelkaj semajnoj ankoraŭ nin disigas de tiu festo... Kaj tamen ankoraŭ multaj el niaj bonaj amikoj ne jam enskribiĝis por nia Kongreso, ne jam sendis sian monon al la Loka Kongresa Komitato...

Forgeso, kompreneble ; forgeso bedaŭrinda tamen kaj tuj rebonigota ! Maur. JAUMOTTE.

# Reĝa Belga Ligo Esperantista

## Nia generala Jarkunsido

Al la Administrantoj kaj Komisaroj,
Al la grupaj membroj,
Al la izolaj membroj.

Estimataj Gesamideanoj,

Ni havas la honoron inviti vin al ĉe-estado de la ordinara ĝenerala jarkunsido de nia societo, **Dimanĉon, 16-an de aprilo 1939-a**, je la 14-a horo akurate, en salono de Hotelo « Albert I-er », placo Rogier, en Bruselo. (Eniro: 73, strato S-ta Lazaro, angulo de la strato Gineste).

TAGORDO:

1) Raporto de la administrantaro.
2) Raporto de la komisaroj.
3) Aprobo de la kalkuloj 1938.
4) Fiksado de la nombro de administrantoj.
5) Elekto de la administrantoj.
6) Fiksado de la nombro de komisaroj.
7) Elekto de la komisaroj.
8) Fiksado de la kotizo.
9) Diversaĵoj.

Per la jena, la grupoj estas samtempe petataj sendi al la Liga Prezidanto, **antaŭ la 14-a de Aprilo**, la nomojn kaj adresojn de la personoj, kiujn ili rajtas proponi kiel administrantojn konforme al la regularo de interna aranĝo, tio estas: Bruĝa Grupo: 3; Verda Stelo: 3; Brusela Grupo: 2; Genta Grupo: 1; Grupo de La Louvière: 1; aliaj grupoj kaj izoluloj kune: 2 administrantoj.

Laŭ art. 7 de la statuto, ĉiu membro de la Ligo rajtas anstataŭigi sin en la ĝenerala jarkunsido de alia membro; li devas tion sciigi per subskribita letero, alveninta en la sidejo: 19, avenue Montjoie, Uccle (Ukkel), 3, du tagojn antaŭ la kunsido.

Tuj post la fino de la ĝenerala jarkunsido, la novaj administrantoj kunvenos kaj pritraktos la sekvantan tagordon:

1) Elekto de la membroj de la direktanta komitato.
2) Ekzamena Komisio.
3) Akcepto de novaj grupoj.
4) Cseh-kursoj.
5) Rilatoj kun I.E.L.
6) Organizo de la estonta laboro.
7) Internacia Kongreso de Bern 1939.
8) Belga Kongreso de Loveno, 1939.
9) Belga Kongreso dum 1940.
10) Diversaĵoj.

Ni esperas ke ĉiuj membroj de nia Ligo guste taksos la gravecon de tiu jarkunsido, kaj ke multaj ĝin ĉeestos aŭ sin reprezentigos en ĝi.

Kun plej samideanaj salutoj.

La sekretario, Ch. POUPEYE,
Elf Juli-straat, 42, Bruĝo.
La prezidanto, D-ro P. KEMPENEERS,
avenuo Montjoie, 19, Uccle (Ukkel)-3.

## Belga Esperanto-Instituto

La 13-a societa jaro de Belga Esperanto-Instituto finiĝis ĵus antaŭ kelkaj tagoj, la 31-an de Marto.

Denove unu jaro forpasis, jaro malfacila pro la krizo, kiu pezas same sur tiu entrepreno, kiel sur la aliaj enlandaj komercaj organizaĵoj; malfacila ankaŭ, ĉar tiu jaro perdigis al ĝi, la plej grandan parton de la eksterlanda klientaro de ĝia presejo kaj ke Belga Esperanto-Instituto estonte do devos vivi nur aŭ almenaŭ plej grave per la enlanda kunlaboro.

La administrantaro tamen jam adaptigis la laboron de la Instituto al la nova situacio.

Kiel ĉiu scias en Antverpeno, ĝi vivigas tutan Esperanto-domon, kun magazeno, ĉe la strato; kun ejo por kursoj; kun oficejo kaj deponejoj.

En tiu magazeno ne nur estas vendataj ĉiuj Esperanto-artikloj, libroj, steletoj, legosignoj, statuetoj, paperaĵoj ktp., sed ankaŭ multegaj ne-Esperantaĵoj, ĉiuj artikloj por lernantoj, kajeroj, plumoj, krajonoj kaj aro da aliaj artikloj, kiujn oni trovas en ordinara paperejo: marmorartikloj, kiel inkujoj, paperujoj, sorbiloj, papertranĉiloj; ledaĵoj, kiel submana paperujo, librokovrilo; ĉiuspecaj luksaj kaj ordinaraj paperskatoloj kaj fine ĉiuj artikloj porinfanaj: legolibroj, « puzzles » de « Blankneĝulino », « Mickey » kaj filmgeaktoroj; ĉio do kion oni povas imagi al si, sur tiu tereno.

La Esperantistoj de Antverpeno kaj de la aliaj urboj, pripensu ke, aĉetante tiujn artiklojn en la Esperanto-domo, ili same bone kiel aĉetante Esperanto-artiklojn helpas al la vivigo de nia nacia entrepreno, kiu, malgraŭ sia komerca kooperativa formo, ne havas vere celon komercan, sed nur tiun helpi al nia movado, per la laboro farita kaj al nia Ligo per parto de sia profito, kiam ĝi sukcesas fari, kiel okazis jam kelkjare.

Kio nuntempe malhelpas, ke tia dividenddisdono povu ankoraŭ okazi, estas ke diversaj propraj eldonaĵoj de B. E. I. okazigis tro grandan stokon, kiu senmovigas tro grandan parton de la kapitalo.

Ni pensu pri la multnombraj ekzempleroj, kiuj ankoraŭ restas en la stokejo de:

| | |
|---|---|
| BELGA ANTOLOGIO (2 vol.). fr. | 40,— |
| L'Initiation à l'Esperanto (Rollet de Lisle) ........ | 5.— |
| Inleiding tot Esperanto (traduko). | 5,— |
| Esenco kaj Estonteco de Esp. (Unuel) franca ........ | 5,— |
| Esenco kaj Estonteco de Esp. (Unuel) flandra ........ | 5,— |
| Silka Legosigno, kun portreto de Zamenhof ........ | 5,— |
| Statueto de Zamenhof (12 cm. alta) | 5,— |
| Tri serioj da poŝtkartoj (Antverpeno, Bruselo, Bruĝo) — kun Esp.-teksto ........ | 5,— |

Por iomete likvidi tiun specialan stokon, la administrantaro de B. E. I. faras specialan oferton, kiu daŭros dum la monatoj Aprilo kaj Majo, t.e. **ĝis tuj post la Nacia Kongreso.**

La supre citítajn esperantaĵojn, entute por sumo de **Fr. 75,—**, ĝi, pro tiu speciala celo kaj kiel reklamo kaj propagando vendos je **Fr. 40,—** t. e. la prezo de la belega Antologio en du volumoj, kiun ĉiuj jam sufiĉe konas!

La administrantaro nur petas, ke, en la grupoj, oni kunigu la mendojn por malplialtigi la sendkostojn, kiuj iĝas iom altaj, ĉe aparta sendado.

La izoluloj tamen ne hezitu. Ankaŭ al ili ni sendos tian pakajon, por la fiksita sumo.

La P.C.K. de B.E.I. estas 1689.58. La adreso: 127, Lange Leemstraat, Antverpeno.

## NIA TASKO

Esperantujo denove funebras. Ne pro la foriro de samideano, kiun la nenion indulganta morto forrabis al ni, sed pro la perdo de la Ĉeĥoslovakaj Esperantistoj, sanaj homoj, plenaj de Kredo, Espero kaj Amo al Esperanto, neatendite forŝiritaj el nia Movado.

Kaj ni, feliĉuloj ĝuante liberecon, kion ni nun faru? Ĉu sufiĉas atendi kun rezignacio, esperante ke pli bona tempo venos? Ne — por atingi la pli bonan tempon, necesas ke ni laboru. Ni ŝtopu la breĉon faritan en niaj vicoj. Multaj inter ni ne jam estas individuaj membroj de I.E.L., tiuj povas aliĝi en iu el la kategorioj MJ., MA., MAH. aŭ MS. La Individuaj membroj inter ni, ekzamenu la eblecon kreskigi sian subtenon per aliĝo en pli alta kategorio aŭ per varbo de nova membro.

Certe tio signifas oferon en tiuj malfeliĉaj tempoj, sed se ni bone serĉas, ni trovos ion superfluan, kio ne estas tiel grava kiel nia subteno kiel Esperanto. Car Esperanto por ni ne nur estas plia lingvo en nia kono, sed longdaŭre karesita idealo, la plej alta esprimo de nia amo al frateco kaj paco. « La plejbono en la amo estas la ofero » ni oferu do por Esperanto.

J.O.B.

# XXVIIIa Belga Esp-o Kongreso, 27, 28, 29 Majo 1939

## en Loveno. L. K. K. : Hotelo Ratteman, pck : 1119,10



*Generala vidajo de la Moz-bordoj.*

### DUA BULTENO DE LA L.K.K.

— La L.K.K. akceptas propagandilojn, turismajn aŭ komercajn, por enŝovi inter la kongresa dokumentaro. Sendu jam de nun.

— Por la personoj, kiuj eventuale ne povus partopreni la lundan ekskurson, la L.K.K. povus antaŭvidi gvidatajn promenadojn en la ĉirkaŭajo de Loveno. Ekzemple : la Kastelo de Arenberg (Heverlé), la Abatejo de Park, k. a.

— En la akceptejo, la kongresanoj havos la eblon aĉeti poŝtmarkojn kaj vidkartojn.

— Post kelkaj tagoj, la aliĝiloj estos forsendataj.

— Nia 28a estas honorita per la morala subteno de :

S-ro Raport, funkcianta urbestro.
S-ro Barono Houtart, Provincestro.
S-ro Hoste, Eksministro de Publika Instruado.
S-ro Prof. Maisin, Direktoro de la Kancer-Instituto.

### KIAL NI IRU AL LIEĜO ?

Tiun jaron estos finpreta la Albert-kanalo, tiu giganta laborajo, kiu daŭris 9 jarojn, kostis 2 miliardojn da frankoj kaj kiu, efektiviĝinte, malfermos novan epokon en la landa ekonomia vivo. Belgujo devis solene festi tion kaj tiuokaze Lieĝo organizas en 1939 Internacian Akvo-Ekspozicion. Ĝi jam estas registrita de la Internacia Ekspozici-Oficejo, kaj sub la Alta Patronado de iliaj Reĝa Moŝto kaj Reĝina Moŝto Elisabeth, sub oficiala patronado de la registaro, de la provinco kaj de la urbo Lieĝo.

Tiu ĉi ekspozicio, en impona kaj varia tuto, kunigos ĉion, kio rilatas al : La homaj konoj rilate la akvon kaj ties instruo. La akvo en la scienco de la inĝeniera arto ; La navigado ; La fiŝkaptado kaj fiŝbredado ; La akvo en la tropikaj landoj kaj kolonioj ; La hidromineralaj kaj sanigaj lokoj ; La akvo, higiena faktoro, komforto kaj dekoracio ; La akvo en la arto ; La akvo kaj turismo ; La akvo kaj sporto ; La akvo kaj modoj.

La Lieĝa « Mond-Foiro » havos vere unikan kadron ĉe la bordoj de la Mozo, je la loko kie la riverego kuniĝas kun la Albert-kanalo. Sur ĝia 80 hektara surfaco okazos grandiozaj akvaj spektakloj.

Krom la palacoj kaj pavilonoj dediĉitaj al la akvo-temo, la Internacia Lieĝa Ekspozicio 1939 enhavos multajn spektaklajn kaj pitoreskajn instalajojn, ekzemple : La gaja Moza vilaĝo ; La surakva domaro ; La naĝbasenego ; La ĝardeno de akvaj estaĵoj ; La amuzejo, parko prezentota laŭ nova koncepto ; **Ŝnurvagono** altiĝante je 100 metroj ; Modela infanludejo ; Rozejo ; Festpalaco de 7000 M2 ; ktp. : ktp.



*La Lido-palaco*

Plie Internacia sekcio de Bel-Artoj temante pri la akvo en la verko de la Majstroj kunigos la ĉefverkojn de ĉiuj epokoj kaj skoloj.

La Akvo-Ekspozicion akompanos Granda Internacia Sezono, enhavanta revigajn festprogramoj kaj interesplenajn sportkonkursojn. En la raviga ĉirkaŭajo, trafluata de artefaritaj riveroj kun diversloke ŝprucfontanoj kaj lumaj kaskadoj, la Ekspozicio kaj la Granda Sezono prezentos de Majo ĝis Novembro 1939 varian programon de festoj en konstanta apoteoza atmosfero.

Historia komunumo Lieĝo revivigos sian gloran pasintecon pere de grandiozaj procesioj. Artama ĝi ĉarmos siajn vizitantojn per belegaj spektakloj kaj muzikfestoj. Kiel Universitata urbo ĝi ekspozicios ĉion, kion la homa genio realigis, mirinde kaj aŭdace, rilate la akvon. Kiel turista loko Lieĝo montros la naturajn kaj folklorajn riĉajojn de la lando. Konstruĉentro ĝi pretigas sensacian programon de mekanikaj sportoj sur akvo kaj vojo.

Fine, vivplena ĉefurbo de Valonujo, Lieĝo, kun sia gaja atmosfero, entuziasmo kaj rapidritma Granda Sezono, lasos en la koro de la vizitantoj la plej riĉan postmemoron.

Ankaŭ ni, esperantistoj, vizitu la Akvo-Ekspozicion kaj finu per ĝi nian 28-an, kiu sin anoncas brila kaj sukcesplena.

### ATENTU

La numero de Majo de nia revuo aperos kelkajn tagojn antaŭ la Kongreso kaj enhavos ĉiujn lastajn detalojn pri la definitiva programo, pri diversaj aranĝoj, pri la intertempe aliĝintaj samideanoj, k. t. p.

Tiam sekvos, je la fino de Junio, la numero de Junio-Julio, kaj, la 15-an de Aŭgusto, la numero de Aŭgusto-Septembro.

La 1-an de Oktobro kaj dum ĉiuj vintraj monatoj la revuo denove aperos ĉe l' komenco de ĉiu monato.

# BELGA KRONIKO

**Atentu!** **Niaj membroj kaj abonantoj estas petataj repagi, kiel eble plej baldaŭ, sian kotizon rekte al la kasisto de la grupo al kiu ili apartenas; se ili estas izola membro al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo 1337.67. Al la kotizo de la grupo aŭ de la Ligo (Fr. 35) oni aldonu la kotizon de I.E.L. se oni estas M.J., M.A. ktp.; oni eventuale ankaŭ aldonu la abonprezon por « Heroldo ».**

**EKZAMENO PRI SUPERA KAPABLECO**

La 2a ekzameno por atesto pri supera lernado okazos la 7an de Majo, je la 10a matene en la urbo kie estas kunigotaj almenaŭ 10 kandidatoj, sed ne pli ol 15 povos partopreni la saman tagon. Ili sendu sian peton al la Liga Prezidanto, S-ro Paul Kempeneers, 19, Avenuo Montjoie, Uccle.

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — Kunvenejoj « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France, kaj : Lge Leemstraat, 127, Lge Rue d'Argile : ĉiusabate je 20a h. 30.

Sabaton, la 15an de Aprilo : Manĝ-vespero (diversaj antaŭmanĝaĵoj) en « Phare », Reĝin' Astrid-placo.

Sabaton, la 22an de Aprilo : Kantvespero gvidota de Sino Wauters k. Sro Ameryckx (Witte Leeuw).

Dimanĉon, la 23-an de Aprilo : je la 11-a, en la enterigejo Schoonselhof ceremonio sur la tombo de Frans Schoofs.

Sabaton, la 29an de Aprilo : Parolado de Sro FAES (Atlanta Oceano) (Witte Leeuw).

Sabaton la 6an de Majo : Societaj ludoj en Esp. Domo.

Sabaton, la 13an de Majo : Kantvespero (ripetado de ŝatitaj kantoj) (Witte Leeuw).

Sabaton, la 20an de Majo : Klarigo pri la pik-nika vespero okazonta dum junio en la Espo. Domo (Sinjorinoj esperantistaj kunvenos en okaza speciala komisiono tiucele).

**Atentu** : repago de ŝparita mono pere de Sro DE HONDT al la kongresontoj.

Sabaton, la 27an de Majo : Pro la kongreso kaj la foresto de multaj el niaj gemembroj okazos nur intima kunveno de la ne-kongresantoj.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo.** — Ĉiumarde, je la 20-a. — SIDEJO : « Gouden Hoorn-Cornet d'Or », placo Simon Stevin, tel. 314.59.

KUNVENEJO : « Salonego Brangwyn » ĉe S-ano Jéhansart, place Simon Stevin. Tel. 318.23.

Kunvenoj dum Aprilo kaj Majo 1939 (ĉiuj en la Kunvenejo) :

11-an de Aprilo : Kantado sub gvidado de S-ino Poupeye, ĉe la piano S-ino Van Roye ; alterne kun Portretludado sub prezido de F-ino A. Boereboom.

18-an : a) Konkursetoj kun premioj. Prez. S-ro H. Van Roye.

b) Legado de B. E. Prez. S-ro Ch. Poupeye.

25-an : a) Humoraĵoj. Prez. S-ro G. E. Guillaume.

b) Kartludado sub gvidado de S-roj K. Decoster kaj H. Van Roye.

2-an de majo : a) « Nia biblioteko », raporto de S-ro J. Drubbel. Prez. F-ino M. Huyghe.

b) Portretludado. Prez. S-ro Van Roye.

9-an de Majo : Kantado sub gvidado de S-ino Poupeye, ĉe la piano S-ino Van Roye : alterne kun : Redaktaj Ludoj, sub prezido de S-ro H. Van Roye.

16-an de Majo : a) Parolado de S-ro G. Spoon « Ĉe la Telegrafejo ». Prez. S-ro J. Drubbel.

b) Kartludado. Prez. S-ro K. Decoster.

23-an : a) Lastaj aranĝoj por la Kongreso (Loveno). Prez. F-ino Y. Thooris.

b) Legado de B. E. Prez. S-ro Ch. Poupeye.

30-an : Generala raportado pri la Kongreso. Prez. S-ro G. E. Guillaume.

BIBLIOTEKO : malfermata en la Sidejo ĉiumarde de la 19.30-a ĝis la 20-a. Bibliotekisto : S-ro J. Drubbel. Tie ankaŭ samtempe : vendado kaj mendado de esperantaĵoj : libroj, steloj, poŝtkartoj, leterpapero ; ktp. Magazenisto : S-ro K. Decoster.

HELPA VENDEJO de esperantaĵoj ĉe F-ino M. HUYGHE, Potterierei, 1, quai de la Poterie. (Helpa Poŝtoficejo). Tel. 315.61.

BRUSELO. — **« Esperantista Brusela Grupo ».** — Kunvenejo : « Hotelo Albert I », Placo Rogier, 10, **ĉiulunde :** je la 19a : danckurso sub la gvidado de Fino Kallen, kaj ŝakludo sub la gvidado de Sro Gordin ; je la 20a : elementa kurso de Esperanto sub la gvidado de Fino Obozinski, kaj perfektiga kurso sub la gvidado de Sro Vander Stempel ; je la 21a : kunveno.

Lundon, la 17an de Aprilo : Sro Vander Stempel parolos pri « Malo-les-Bains kaj Esperanto » (Tie li loĝis pasintan jaron).

Lundon la 24an Fino Kerkhofs parolos pri « filatelio ».

Tiun-ĉi monaton la ekskurso okazos la 3an **dimanĉon** (t. e. la 16-4). Fino Kestens kondukos nin al Anderlecht. Rendevuo je la 14.30 Meir (tramoj : 22-56-64). Oni trinkas kafon en « Kriekeboom », meze de la floritaj (esperante!) ĉerizujoj.

Lundon la 1an de Majo : Fino Kestens laŭtlegos la priskribon de Belgujo, faritan de ŝi kaj senditan al Finlando (laŭ peto de finna samideano por geografia libro).

Lundon la 8an de Majo : F-ino Pierre gvidos ŝaradojn.

Lundon la 15an de Majo : Sro Dro Kempeneers faros paroladon pri « doloriga piedoj ».

Dimanĉon la 14an de Majo : vizito de la Zoologia Ĝardeno en Berchem-Ste-Agathe. Rendevuo je la 14a ½ ĉe la finhalto de la tramoj 7, 10, 85.

LOVENO. — **Lovena Grupo.** — Ĉiuj merkredoj kaj vendredoj, en la kutima ejo Hotel Ratteman, kurso (de la 20-a ĝis la 22-a).

**RAPORTOJ**

**ANTVERPENO. — Reĝa Esperanto-Grupo « La Verda Stelo ».** — La monaton de Marto bonege inaŭguris S-ino Haudebine, franca profesorino de Esperanto, kiu nun laboras en nia lando. Ŝi faris belegan paroladon pri « Svedujo », lando en kiu ŝi instruis dum pli ol du jaroj kaj kiun ŝi konas perfekte. Multaj lumbildoj interesaj ankoraŭ pligrandigis la allogon de tiu vespero, kiu finiĝis per provo de leciono per rekta metodo.

S-ro Jaumotte prezentis kaj dankis la paroladistinon, same kiel li tion faris, la sekvantan sabaton, okaze de parolado de S-ino H. Schoofs, kiu lerte kaj agrable babilis pri temo, kiun ŝi bonege konas : « la grandaj Domkonstruaĵoj ». Ĉiuj kun intereso aŭskultis la klarigojn pri la vivo de tiuj veraj « urbetoj », kiuj loĝas en tiaj konstruaĵkvartaloj. Fotografaĵoj montris la plej modernajn provojn en tiu rilato.

Post intima kunsido je meztasto, sekvis societaj ludoj en la Esperanto-Domo.

La 1-an de Aprilo, la malnova samideano S-ro W. De Schutter paroladis pri la antaŭdiraĵoj. Mirinde estas, kion oni povas rakonti pri tia temo. Mirindaj ankaŭ estis la ekzemploj de famaj antaŭdiraĵoj, kiujn citis la paroladisto. De l' komenco ĝis la fino, la multaj ĉeestantoj atente aŭskultis tiun priskribon, kiu multflanke tuŝis la nuntempajn okazantaĵojn. La prezidanto varme dankis la lertan paroladiston.

La 8-an de Aprilo, pask-ova vespero bone sukcesis, sub gvidado de S-ro De Hondt.

**BRUĜO. — « Bruĝa Grupo Esperantista, Reĝa Societo ».** — Dum la kunveno de la 21-a de Januaro, F-ino Y. Thooris gvidis lecionon pri adjektivoj kaj S-ro P. de Vooght raportis pri la balo de la 11/2.

La 28-an, S-ro H. Van Roye gvidis lecionon pri la konjunkcioj kaj poste S-ro G. Spoon faris bone dokumentitan paroladon pri « Kio okazas en Poŝtoficejo ». Pluraj postaj demandoj pruvis la ekinteresiĝon de la ĉeestantaro.

La 5-an de Marto okazis en la « Sidejo » la ekzameno pri supera lernado, organizita de Belga Ligo.

La 7-an, lastaj aranĝoj estis alprenataj por la intima festo, kiu okazis en la « Sidejo » dimanĉe, 12-an de marto, je la 17-30a, sub prezideco de S-ino M. Algrain, Honora Vicprezidantino, anstataŭanta S-ron S. Dervaux malhelpata, kaj kiu disdonis la diplomojn al la laŭreatoj de la ekzameno pri lernado, okazinta la 20-an de Januaro, nome al : S-ro W. Marlé, S-ino Plate-Muysson, F-ino M. Geers, F-ino A. Geers, S-ro A. Van Eenoo, F-ino M. Mahieu, F-ino J. De Soete, S-ro V. Jéhansart, F-ino M. J. Proot, F-ino H. Paret, S-ino M. Cremmery, S-ro G. Spoon, S-ino I. Marlé, F-inoj G. Verplancke, M.-L. Duchesnet, A. Tange, G. Schepens kaj D. Duchesnet, S-roj A. Coenen kaj C. Tousseyn.

Tiu diplomdisdonado estis ĉirkaŭata de pluraj artaj prezentadoj : bela pianoludado de F-inoj M. L. Roose kaj G. Verplancke, gracia dancado de F-ino Monique de Vooght, pura kantado de la juna S-ro Urbain Verplancke, kaj plensukcesa muzikado de la dek « Esperantistaj Banjo-ludantoj » sub gvidado de S-ro Raymond

Pardon. Sekvis ankoraŭ interesa prezentado de tri filmoj : 1-e pri Svislando, 2-e pri la Kongreso de Londono, 3-e pri la Kongreso de Charleroi. Post tio, gaja muziko dancigis la proksimume 200 ĉeestantojn, en plej ĝoja atmosfero, ĝis post noktomezo.

Pri tiu intima festo estis raportata dum la kunveno de la 14-a sub prezido de S-ro J. Drubbel. Dum la sama kunveno S-ro Ch. Poupeye gvidis la legadon de B. E. kaj Ges-roj H. Van Roye la kantadon.

Kartludado okazis la 21-an de Marto sub gvidado de S-ro H. Van Roye kaj ankaŭ, sub prezido de F-ino M. Huyghe, debato pri « Juveloj » en kiu multaj ĉeestantoj vigle partoprenis.

La 28-an de Marto, portretludado, sub prezido de S-ro Ch. Poupeye, estis organizata laŭ nova maniero, nome : la « viktimo » pensas pri objekto aŭ persono kaj ĉiuj ĉeestantoj laŭvice faras al li demandojn, ĝis kiam iu povas nomi la portreton. Tiu divenanto tiam elektas la novan « viktimon ». Tiu nova maniero estigis viglan partoprenon de ĉiuj. Post tio, S-ro J. Rombouts faris belegan paroladon pri « Tri danĝeraj internacianoj ». Oni juĝu pri la granda sukceso de tiu parolado, sciante ke tiuj internacianoj estas : la muŝo, la pulo kaj la pediko.

La 4-an de Aprilo, okazis unue, sub prezido de S-ro J. Drubbel, vigla debato pri la nova stacidomo de Bruĝo. Post tio F-ino Y. Thooris faris diversajn komunikajojn, nome pri la rezulto de la ekzameno pri supera lernado, kies laŭreatoj ricevis ĉiuj, flanke de la grupo, belan libron. Alvoko al nia kongreso de Loveno estis ankaŭ farata.

**BRUSELO.** — « **Brusela Grupo Esperantista** ». — La grupo plenumis la programon antaŭviditan por Marto, kaj komenco de Aprilo. La ĉefa kunveno estis la interesa parolado pri grafologio farita de Fino Pierre kun aŭtentikaj ekzemploj.

Ekster la regulaj kunvenoj, okazis jaŭdon la 23an de Marto speciala filmprezentado pri Svislando. Krom la filmoj oficialaj, oni ankaŭ prezentis amatorajn filmojn tute belajn. La diskoj, arte elektitaj, kooperis al la sukceso de la vespero. Ambaŭ invitis ĉiujn al la Kongreso de Berno !

**GENTO.** — « **Genta Grupo** ». — La 22-an de Marto okazis ekzameno pri unuagrada lernado ; kvar kandidatoj partoprenis ĝin ; ĉiuj kvar sukcesis pli bone ol simple : F-ino I. Callaert kun plej granda merito, S-ro O. Mijs, F-ino A. Moortgat kaj F-ino S. Vandevijver, kun granda merito.

La 29-an de Marto malfermiĝis nova lecionaro pri supera lernado. La jus sukcesintoj en la ekzameno unuagrada ricevis sian diplomon. La prezidanto de la Grupo, je sia propra nomo kaj je tiu de la du aliaj juĝintoj, F-ino J. Nachtergaele kaj S-ro Fr. De Man, kore gratulis la laŭreatojn : ilia sukceso estas vere remarkinda : F-inoj Callaert, Moortgat kaj Vandevijver estas, ja, novaj lernantinoj kiuj jus ĉeestis nur dudek lecionojn, faritajn pere de « Fundamento de Esperanto ». La brila rezultato devenas de ilia diligenteco pri akurata faro, hejme, de ĉiusemajnaj taskoj, konsistantaj el tradukoj en esperanton. La sukceso de S-ro Mijs, malnova grupano, estas ankaŭ rimarkinda pro tio ke, ne plu okupiĝinte pri Esperanto, dum kvar jaroj, li ĉeestis nur la kvar lastajn lecionojn. La juĝintoj opinias ke sama fervoro en la duagrada lecionaro kiel en la unuagrada, kondukos la jus sukcesintojn al belega venko en la ekzameno pri supera lernado.

**LOVENO.** — « **Lovena Grupo** ». — Kunvenoj dum Marto : ĉiuj kunvenoj plej parte estis dediĉitaj al diversaj preparoj por la kongreso.

**LOKA PROPAGANDO** : Artikolo en nederlanda lingvo de nia prezidanto, aperis en la bulteno de la « Lernintoj de Ŝtata Meza Lernejo de Loveno ».

Ĝia temo : Esp-o en la lernejo.

Por la kongresa korespondado la L.K.K. ricevis esperanto-stampon de la direkcio de la Internacia Akvo Ekspozicio kun teksto « INTERNACIA EKSPOZICIO DE LIEĜO 1939 MAJO-NOVEMBRO ».

Petu ekzempleron al D.I.E.L. Loveno.

**FAMILIA KRONIKO**

GRATULOJ

Al Ges-roj F. Langouche-Hoerée, el Bruĝo, pro naskiĝo de fileto JEAN-PAUL (24-3-39) kaj samtempa promocio de la feliĉa patro kiel unua leŭtenanto.

KONDOLENCOJ

Al S-ino C. Landewijn-Bockhols S-ino H. Schoofs kaj S-ro L. Schoofs, malnovaj gemembroj de « La Verda Stelo » kaj al Ges-roj L. Van Wassenhove-Bockholts, el Bruĝo pro la morto de patro kaj parenco S-ro J. Verstappen.

Al S-ino Robert, pro la morto de S-ro Léon Robert, inĝeniero, membro de la Brusela Grupo Esperantista, kiu reprezentigis sin ĉe la enteriga ceremonio de la Prezidantino F-ino Jennen kaj de S-ino Plyson kaj S-ro L. Bas.

# Letero al la Ĉefdelegitoj kaj Perantoj de IEL

Tre estimataj kolegoj,

Grizaj estas la nuboj super Eŭropo kaj malhela ŝajnas la proksima estonteco por ĉiuj, sed precipe por la Esperanto-movado. En marto pasintjare Aŭstrujo kun 250 membroj perdiĝis al ni ; en septembro la germana parto de Ĉeĥo-Slovakujo, kun pli ol 400 membroj ; kaj nun eĉ Ĉeĥo-Slovakujo mem malaperis, kun pli ol 500 membroj, el kiuj pli ol 150 estis individuaj membroj. Cu aliaj sekvos, tion nur la estonteco povas diri. Sed kiel post la pluvo ĉiam venas la suno, tiel venos tago kiam ni ree povos bonvenigi en niajn rangojn niajn samideanojn, kiuj nun estas devigitaj forlasi la movadon. Gis tiu tempo ni povas nur diri : « Gis la revido, samideanoj ! Vi havas niajn bondezirojn ».

Sed restas ni, kaj restas laboro farota. Kiam tiu tempo alvenos kaj niaj samideanoj revenos kaj demandos al ni : « Kiel progresis nia afero dum la lasta tempo ? », kiel ni sentos nin ? — kaj kion ili opinios, se ni devos diri : « Bedaŭrinde, ĝi ne progresis, eĉ kontraŭe » ? Oni ja komprenos, ke la tempoj estis ma... facilaj, sed... Sekvas la demando, d... kiel ni povos eviti tian respondon !

Ciam post krizo la homoj estas mult... pli pretaj akcepti kion ajn, per kio ... pensas, ke ili eble povos estonte evi... novajn krizojn ; sed oni devas esti pret... « frapi kiam la fero estas varma kaj a... koraŭ martelebla ». Unue, do, ni ko... servu la organizon de la movado tiel, k... je pli favoraj tempoj ni estos pretaj uti... igi la okazon tuj kiam ĝi prezentos si... Tamen, kiel mi montris supre, multe p... ol 1,000 membroj perdiĝis al la movad... dum la lasta jaro kaj en niaj rangoj esta... breĉo. Por ŝtopi tiun breĉon, ni dev... fidi je la esperantistoj en la landoj, k... oni ankoraŭ povas labori por Esperant... Se, per artikoloj en la esperantistaj g... zetoj ni povas montri la faktojn al ... esperantistaro, tute certe oni volos helpi... oni volos aliĝi kiel individua ano, se t... oni ankoraŭ ne estas ; oni volos estiĝi M... anstataŭ MJ, aŭ MAH anstataŭ MA. ... vi prizorgos tion por via lando kaj skrib... tiucelan artikolon por via nacia gazeto...

Due, ni memoru, ke ĉiam estas eble... propagandi nian lingvon kaj nian celo... Dum la lasta milito oni faris bonan pr... greson per laboro ĉe la « Ruĝa Kruco... kaj en la tranĉeoj ; en pacaj tempoj o... laboris per propagandaj kunvenoj kaj ... milaj metodoj. Se do oni povas sukce... labori dum milito kaj dum paco, kial ... boro ne havu sukceson en la nunaj tag... kiuj vere estas nek unu nek la ali... Fakte, nuntempe ni havas pli da ŝan... de sukceso ; ĉiam, kiam la emocioj est... aktivaj, personoj estas pli impresebl... Kun preskaŭ ĉiu, kiun oni renkontas, o... nun parolas pri la internacia situac... Cu io malhelpas, ke oni aldonu, « kaj pl... bedaŭrinde, se pli multaj scius Esp... anton, ĉi tia situacio apenaŭ povus oka... ĉar la popoloj de ambaŭ flankoj scius ... opiniojn de la aliaj... » aŭ « mi forte ... peras, ke nova kataklismo ne okazu, d... pli ĉar mi havas multajn amikojn en ... kontraŭaj landoj », — kaj certe sekv... demandoj kiuj donos la okazon.

Kaj trie, kaj plej grave por vi, gvida... oj de la verda popolo, neniam permesu ... ili malesperu. Jes, komprenebl... eĉ ... kelkfoje dubas pri la fina sukceso, p... cipe en la nuna tempo, sed bona k... dukanto ne montras tiajn sentojn al ... kondukatoj, ĉar tia ago malfortigus ... moralon. Krome, oni sentu, ke « nia C... delegito (aŭ Peranto) ankoraŭ kredas, ... ni venkos, kaj se li ne scias, kiu scia... Do, venu kio ajn, ni venkos ». Sed k... mi mencias ĉi tion al vi ? Vi ja pruvi... bonaj gvidantoj. Mi simple diros : « D... rigu ĝis la venko, kaj se jam vi bezon... helpon, nur petu, kaj se ni povos, ... helpos ! »

Fine, vorto pri administrado, ĉar m... graŭ krizo la oficejo devas funkcii ... jam pretigis planojn por daŭra funkcia...

# TRA LA MONDO

## Promenado

*ɪtis en la antaŭtagmezo de la 15-a de o. Antaŭ la urbdomo de Praha, kiel ne, dejoris policano regulante la tra- 1. Larmoj ruliĝis laŭ liaj vangoj. naŭ li kapablis vidi.*

*am mortas homo, ploras parencoj kaj :oj. Kiam mortas ŝtato, ploras la nacio. :d la nacio restas. Ĝi vivas, kaj ĝi s.*

*aj restas, eĉ en la plej mallumaj tagoj. :spero je vere paca kunvivado de oloj, sen superrego, en libereco kaj oroka komprenado, iam en pli bela nteco.*

### « Habemus Papam »

anka fumnubeto el kamentubeto sur nento de l'Vatikano sciigis al la dantaj centmiloj sur Placo de Sankta o ke la tutmonda katolikaro havas ın papon. La elekto de l'kardinaloj s la ĝisnunan ŝtatsekretarion vatika- kardinalon Eŭgenio Pacelli. Li donis si la nomon Pius XII-a. Li estis tita en la sama tago, en kiu li finis 63-an vivojaron.

us XII naskiĝis la 2-an de marto 1876 Romo el familio jurista. En 1917 li ;is papa legato («nuntius») en Mün- ı, kaj tri jarojn poste en Berlino. De 1930 li estis ŝtatsekretario de sia ıŭulo, Pius XI. La nova papo estas la ı, kiu faris grandajn vojaĝojn: en al Sud-ameriko, kaj en 1936 al Uso- En la vico de ĉiuj papoj li estas la ı.

### Ĉu nova bonfarto?

ı brita ministro por internaj aferoj, Samuel Hoare, deklaris okaze de bankedo de la Kanada Komerca Ĉambro en Londono, la 13-an de marto, interalie: « Mi kredas — kaj mia opinio estas bazita ne sur teoria kaj senfundamenta optimismo, sed sur signoj de la tempo, — ke komerco kaj industrio estas kreskantaj. Mi kredas ankaŭ, ke dum la pasintaj ses semajnoj okazis definitiva pliboniĝo. Se la mondo nur povus liberiĝi de politika malkvieto kaj aventuroj, mi kredas ke ni eble atingis unu el la plej grandaj periodoj de bonfarto en la mondo, kian ni iam konis. »

La ministro estas tre prava. Se...! Jes, se...

### La « Blua Rubando de l'Oceano »

La « Blua Rubando » estas kvazaŭ migranta « ordeno » por tiu pasaĝera ŝipo, kiu plej rapide transveturis la Atlantikan Oceanon. Antaŭ dek jaroj ĝin posedis la « Mauretania », multe admirita ŝipo de la kompanio Cunard Line: en 1929 ĝin akiris la germana ŝipo « Bremen ». En 1930 la plej rapida ŝipo estis « Eŭropa », fratŝipo de « Bremen ». Pli poste la Bluan Rubandon flirtigis la itala « Rex », la franca « Normandie », kaj nun ĝin provunte-posedas la angla Cunard-ŝipo « Queen Mary », kiu bezonis por la vojaĝo Eŭropo-Usono nur tri tagojn, 20 horojn kaj 12 minutojn. Laŭ gazet-informoj nun Germanujo estas konstruonta novan ŝipegon, kiu fariĝu la plej rapida en la mondo.

### Kio estas demokratio?

Okaze de la 150-jara ekzistado de la Usona Kongreso (Parlamento), prezidanto Roosevelt faris paroladon pri la historio de la Kongreso kaj pri la avantaĝoj de demokratio. Li diris ke la demokrata reĝimo estas relative nova, kaj ke Usono kaj aliaj landoj ne opinias ke la demokratio estas eluzita. Ili ne volas reveni al reĝimo, kiu jam antaŭ du mil jaroj pruvis sian tiranecon kaj nefirmecon. Iliaj popoloj kaj individuoj volas esti protektataj kontraŭ senkompensa konfiskado de posedaĵo, kontraŭ senordone farataj traserĉadoj kaj arestadoj. Ili volas konservi la liberecon de kunvenado, de parolado, de gazetaro, de religio. Ĉi ĉion signifas, laŭ Roosevelt, la konstitucia demokratio.

### Tarzan viviĝis

Tio okazis en Sumatro. Sur traarbara vojeto promenis indiĝeno kun sia edzino. La viro iris antaŭe, la virino sekvis laŭ distanco de kelkaj metroj. Subite la viro aŭdas kriadon. Returnante sin, li vidas sian edzinon atakata de granda tigro, kiu provas ŝin renversi kaj fortreni en la arbaron. Sen armiloj, la viro senhezite siavice atakis la atakinton per la nuraj pugnoj, kun la preskaŭ ne atendita rezulto, ke la tigro liberigis sian viktimon kaj forkuris. La virino estis grave vundita, sed ŝi resaniĝis.

### Fama profesoro 60-jara

Profesoro Albert Einstein, nun el la plej famaj sciencistoj de nia tempo, fariĝis 60-jara. Oni legas ke li eltrovis novan klarigon pri la gravitado. La sekreto kuŝas en la kaŭzo de la gravitado kaj ĝiaj rilatoj al elektro, materio kaj magnetismo. Einstein opinias ke li estas survoje al la eltrovo de simpla formulo kiu klarigos la strukturon de la universo kaj ĉiujn sekretojn de materio kaj emanado.

### Ĉu la golfa fluo estas pli varma ol antaŭe?

La lastaj vintroj estis eksterordinare mildaj en la nordaj regionoj (skribas s-ano O.T.N.); ankaŭ la nuna vintro estas tre milda. Ĉe kristnasko estis nek neĝo nek glacio sur la lagoj en la lando de la Norda Lumo. Pro tio la tagoj estis tre malhelaj, kiam la suno estis sub la horizonto. Se la neĝo kuŝas sur la tero, tiam oni povas legi gazeton dum du-tri horoj ĉiutage je kristnasko.

### Montoj kun karboj ĉe la Suda Poluso

La amerika esploristo, admiralo Byrd, preparas novan ekspedicion al la Suda Poluso. Li esperas dum tiu okazo posedpreni por Usono teritorion de unu milionoj da kvadrataj mejloj.

« Mi scias », li diris, « ke tie estas montoj kun karboj sufiĉantaj por longtempe provizi la bezonon de la mondo ».

Tamen, estas kalkulite ke, ankaŭ sen la polusaj karboj, la karbprovizo en la tero sufiĉos por 3-4000 jaroj. Intertempe la scienco certe trovos plenvaloran anstataŭilon.

### Nia afero

Precipa demando momente estas: Kio okazos pri Esperanto en la disrompitaj partoj de Ĉeĥo-Slovaka Respubliko? Ĉu ankaŭ tie niaj organizoj estos malpermesitaj? Tio ne estas certa; sed ni esperu ke tio ne okazos. Sed eĉ se ili restos, ilia aglibereco estos grave malhelpata. Des pli energie devos labori niaj samideanoj en aliaj landoj, precipe en la demokratioj. Ni tamen venkos!

La manko de internacia interkomprenilo en nia epoko estas ridinda. Kongresoj kaj konferencoj kun tri-kvar-kvin oficialaj lingvoj estas sensencaĵo. Internacia trafiko, internacia turismo sen internacia lingvo fariĝas pli kaj pli paradoksaj. La ĝenerala enkondukiĝo de Esperanto estas nun ĉefe demando de tempo. Nenio povos ĝin haltigi.

*Zigzago.*

---

ajn okazu. Tamen, se vere venus kaismo, dum iom da tempo la poŝtaj toj malbone funkcius. Ni do petas, ke a, kiam vi havas kelkajn aliĝojn, vi volu ensendi spezofolion, por ke ni kribu la nove pagintojn. Krome, se vi las al ni monon, ni petas, ke vi sendu al ni senprokraste. Niaflanke, ni cers al vi, ke ni sendos al la membroj , por kio ili pagis, sed ni povos fari , nur se ni mem estos ricevintaj la ojn.

Ni uzas la okazon sciigi al vi, ke ni iaŭ ricevis de la presejo la lastajn provaĵojn de la Jarlibro. Plej kred-, do, ĝi aperos antaŭ Pasko. Post ĝia ro ni sendos al vi ekzemplerojn por sendo al novaliĝintoj, sed bonvolu sendi ekzempleron al paginto, pri kiu am sendis informon al ni, antaŭ ol vi vis la Jarlibrojn.

Esperante, ke nia alvoko havos la sukɪn, bezonatan de la movado,

Kun plej samideanoj salutoj,

Cecil C. Goldsmith,
Generala Sekretario.

---

# La sep Mondmirindaĵoj

*(El « Heroldo de Esperanto »)*

Pli ĝuste oni parolus pri la sep mondmirindaĵoj. Kiu konas ilin ? Certe ĉiu jam aŭdis pri ili ; sed nur malmultaj homoj scias precize kiuj kaj kio ili estis. Oni povos fari provon, kaj oni trovos konfirmita, ke eĉ homoj, kiuj kredas posedi universalan klerecon, ne estas kapablaj citi ĉiujn, ne parolante pri tio ke ili scias preskaŭ neniajn detalojn. Senkulpiĝe por tiuj homoj oni povas konsideri, ke hodiaŭ jam nur unu el la sep mondmirindaĵoj restas konservita en sia origina formo ; rilate al la ceteraj restis nur la memoro.

La sola mondmirindaĵo, kiun ni eĉ nun povas rigardi nur kun admiro kaj mirego, estas la **Piramido de Keopso** apud Gize en Egiptujo, la plej miriga kaj plej mistera el la piramidoj. Neniu alia konstruaĵo en la mondo estis objekto de tiom da esploroj, konjektoj kaj klarigoj. Libroj estas skribitaj pri ĝi, sciencaj disputoj estiĝis pro ĝi, sed ĝi restas ĝis nun same impresa al la individuo kiel antaŭ 2,400 jaroj, kiam la greka historiisto Herodoto emociite staris antaŭ ĝi. Estas malfacile fari al si ĝustan imagon pri la grandegaj mezuroj de la Keops-piramido. Ĉiu el la kvar lateroj estas 232 metrojn longa. La alteco estas 148 metroj. Oni kalkulis ke minimume ducent milionoj da kilogramoj da ŝtonoj estis necesaj por la konstruado de tiu giganta monumentego. Tiuj ĉi ŝtonamasoj estis alportitaj el montoj situantaj oriente de la riverego Nilo. Herodoto certigas ke minimume 10,000 homoj laboradis dum dudek jaroj por transporti la ŝtonojn kaj konstrui la monumenton.

Dua mondmirindaĵo estis la **Pendantaj Ĝardenoj de Semiramiso,** fondintino kaj reĝino de Babilono. La ĝardenoj estis konstruitaj en la ebenaĵo de la rivero Eŭfrato, antaŭ 2,500 jaroj. Havante longecon de 125 metroj kaj la saman larĝecon, ili alteniĝis terasforme, kvazaŭ grandega, floranta ŝtuparo, al la muroj de la urbo. Ili estis portataj de artefaritaj kolonoj, kies plej malaltaj havis altecon de 25 metroj, kaj la plej altaj tian de 100 metroj.

Tria mondmirindaĵo, la **Templo de Artemiso** (greka diino de l ĉasado) en Efezo, estis modela ekzemplo de greka konstruarto kaj estis konstruita dum la sesa jarcento antaŭ Kristo.

La **Statuo de Zeŭso** de la fama greka skulptisto Fidiaso, kiu estis konstruita en templo de la malgranda urbo Olimpio, same akiris la gloron aparteni al la sep mondmirindaĵoj. Tiu ĉi statuo estis konstruita dum la tielnomita « ora epoko » de Grekujo, laŭ ordono de Perikleo.

La **Tomba Monumento de Maŭzolo,** persa reĝo, laŭ kiu ĝi ricevis la nomon « Maŭzoleo », estis konstruita en la urbo Halikarnaso. Reĝo Maŭzolo tre ŝatis la arton. Iutage li kunvenigis ĉe sia kortego multajn artistojn kaj instruitulojn kaj esprimis la deziron konstruigi por si kaj sia edzino Artemisio tomban monumenton, kiu akiru la saman gloron kiel la egiptaj piramidoj. La reĝo komisiis la plej eminentajn arkitektojn el Grekujo por realigi la planojn. Tamen antaŭ ol la monumento estis finkonstruita, la reĝo mortis en la jaro 352 a. K. ; sed lia edzino Artemisio iniciatis la finkonstruadon laŭ la aluditaj planoj. Tiu ĉi maŭzoleo estis parte rompita de anoj de la Johana Ordeno, kiuj en milito kontraŭ Sultano Solimano II-a bezonis konstrumaterialon por fortikaĵo. Pli poste oni trovis okaze de elterigo subteran halon kun multaj kolonoj kaj bele pentritaj muroj. En apuda ejo oni trovis marmoran sarkofagon, sur kiu kuŝis kasko. La malfermon de la sarkofago oni prokrastis ĝis la sekvinta tago ; sed dum la nokto enpenetris rabistoj kaj forŝtelis ĉiujn objektojn.

La **Koloso de Rodo** (Rhodos) estis statuo, kiu prezentis la sundion, kiun oni adoris antaŭ ĉio sur la insulo Rodo. La urbo Rhodos estis ornamita per multaj statuoj kaj monumentoj. La « koloso » estis konstruita de la skulptisto Hares kaj leviĝis super la enirejo al la haveno. La el- kaj enveturantaj ŝipoj traveturis inter la gamboj de la statuo. Ĝi estis alta 45 metrojn. Por la muldado el bronzo oni bezonis 12 jarojn. Sed bedaŭrinde ĝi staris nur ĉ. 56 jarojn, renversiĝis okaze de tertremo kaj disrompiĝis je multaj pecoj. Plej bone oni povas fari al si imagon pri la grandeco de la statuo, se oni aŭdas ke la polekson de tiu ĉi statuo oni ne povis ĉirkaŭi per ambaŭ brakoj. Kiam la araboj venk-akiris la insulon, ili tute dispecigis la statuon kaj vendis ĝin al negocisto. Por fortransporti la rubaĵon, la negocisto bezonis 900 kamelojn.

Sur la insulo Faro (Pharos) troviĝis la sepa mondmirindaĵo, la **Lumturo de Faro.** Tiun ĉi faman lumturon, Ptolemeo (konata astronomo kaj matematikisto en Aleksandrio) konstruigis de la greka arkitekto Sosastro. Laŭdire la fundamento de la turo konsistis el masivaj vitraj blokoj, ĉar oni opiniis ke tiu ĉi materialo estas la plej malceda kontraŭ la efikoj de la marakvo. La turo estis alta 242 metrojn. La konstruaĵo enhavis 300 grandajn ĉambrojn kaj loĝigis tutan garnizonon. Plej supre brulis fajrego, kiun la maristoj povis vidi jam de malproksime. Ankoraŭ en la 11-a jarcento oni subtenadis la fajron. En la jaro 1375 la lumturo renversiĝis pro terura tertremo.

Per tio estis detruita la lasta el la mondmirindaĵoj de la Antikva Epoko, kaj restis kiel sola escepto la Keopsa Piramido kiu konserviĝis en sia plena impona grandeco ĝis la hodiaŭa tago.

Venis nova epoko ne malpli grandioza ol la antikva, kaj ĝi konstruigis al si ankaŭ novajn mondmirindaĵojn. La turon de Faro superbrilas hodiaŭ la famo de l'Turo Eiffel, aŭ de l'Empire-Domego ; la Koloson de Rodo anstataŭis la Statuo de Libereco en la haveno de Novjorko ; kaj kiu elnombros la gigantajn pontojn, elektrofarejojn, ŝipegojn, la planetariojn, stadionojn, la katedralojn, universitatojn, magazenegojn, fabrikojn kaj la milmirindaĵojn de l'moderna scienco kaj tekniko !!

H. W.

**Estraro de " Belga Ligo Esperantista"**

**Prezidanto** : D-ro Paul Kempeneers, 19, Avenue Montjoie, Uccle. (Tel. : 44.53.00.)
**Vicprezidantino** : F-ino Yvonne Thooris, 4, Wijnzakstraat — Rue de l'Outre, Bruĝo. (Tel. : 320.86.)
**Vicprezidanto** : S-ro Maurice Jaumotte, 44, Avenuo De Bruyn, Wilryck (Antverpeno). (Tel. : 777.58.)
**Sekretario** : S-ro Ch. Poupeye, 42, Elf Julistraat, Bruĝo.
**Kasisto** : S-ro André Tassin, 1, rue St-Joseph, La Louvière.

**Por pagoj de kotizoj, anoncoj, abonoj kaj donacoj:**
P.Ĉ.K. 1337.67 de Belga Ligo Esperantista (La Louvière).

**Por pagoj al I. E. L.:**
grupanoj al la P.Ĉ.K. de sia grupo ;
izoluloj al la P.Ĉ.K. de Belga Ligo.
Por ĉiuj aliaj rilatoj pri I. E. L. sin turni al : S-ro G. Van den Bossche, teritoria sekretario. Rembrandtstr., 7, Antverpeno.

**Por pagoj al Belga Esperanto-Instituto :**
P.Ĉ.K. 1689.58, Antverpeno (Lange Leemstraat, 127).

Presejo de BELGA ESPERANTO-INSTITUTO, Koopera Soc., Lange Leemstraat, 127, ANTVERPENO.